# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
9-a jaro N-ro 2 (33) oktobro 2010



**Kovrilfoto: Hans Fechler el Germanio**

NOVAĴO

## Salutvortoj de Louis-Christophe Zaleski-Zamenhof



Estimata Sinjoro WU Guojiang,

Dankon por via mesaĝo.

Mi deziras al via agado grandan sukceson. Ĝemeligante per Esperanto urbojn malproksimajn vi kontribuas al proksimigo de iliaj loĝantoj, elemento de la "rondo familia" kantata en nia himno. Gratulon pro la vere impona revuo. Kun sinceraj salutoj.

L.C.Zaleski-Zamenhof

## La 1-a Kunsido de Ĝemelaj Urboj en AK

Inter la 19-a kaj 23-a de junio 2010 en Ulanbatoro, Mongolio, sukcese okazis la 6-a Azia Kongreso de Esperanto kun 267 partoprenintoj el 30 landoj kaj temo: Azia harmoniiĝo per Esperanto. Pro aktiva konsidero de s-ro LEE Jung-kee, tiama prezidanto de KAEM, enkondukis agadon de ĝemelaj urboj en la programeron de la kongreso, kaj tio fariĝis unu el 32 kunsidoj. S-ro Lee elmontris siajn kapablon kaj sperton de organizado por bone funkciigi la kunsidojn. Antaŭ la kongreso prezidanto de ĉiu kunsido ricevis lian mesaĝon kun tri demandoj, nome 1. Titolo de via fakkunsido; 2. Klarigu pri via fakkunsido (de 5 ĝis 10 frazoj); 3. Kion vi bezonas por via fakkunsido ( projekciilon, komputilon ktp)?

La komisiito faris respondojn i.a. por demando 1: Rolo de Esperanto en interŝanĝo de ĝemelaj urboj, kaj por demando 2: La agado de ĝemelaj urboj malfruis kompare al Esperanto. Ĝi komenciĝis ekde la komenco de la 20-a jarcento, akurate post la dua mondmilito. En la 60-aj jaroj de la 20-a jarcento Esperanto faris gravajn meritojn por ĝemeliĝo inter urboj. Esperanto sukcese solvis korespondo-stagnon kaŭzitan de lingvoj kaj pavimis la vojon al la oficiala ĝemeliĝo de la urboj Massa (Italio) kaj Bad Kissingen (Germanio) en aprilo 1960. Sekvis ekzemploj kiel Kameoka (Japanio) kaj Knittelfeld (Aŭstrio), Takatsuki (Japanio) kaj Changzhou (Ĉinio) ktp. UEA rimarkas kaj gravigas la reciproke akordan funkcion inter la agado de ĝemelurboj kaj la Esperanto-movado kaj ĝustatempe starigis en 2002 la projekton "Ĝemelaj Urboj". Ĝi oficiale fariĝis unu el la projektoj de KAEM en 2004.

Je la 13:00 -14:30 en la 20-a de junio okazis la kunsido de Ĝemelaj Urboj. La komisiito ne povis partopreni en la kongreso pro okupiteco, s-ro NAKATU Masanori el Japanio prezidis ĝin. S-ro UKITA Masaharu el Japanio preparis fotojn per Power-Pointo laŭ historio de la aktivado inter sia loĝurbo Takatsuki kaj la ĉina urbo Changzhou. Poste s-ro HARADA Hideki el Japanio parolis pri ĝemelurbaj aktivadoj montrante afiŝojn. Ĉeestis ankaŭ s-ro Pieter ENGWIRDA el Nederlando, kiu ĉiam interesiĝas pri ĝemelurba afero. S-ro LEE Jung-kee kaj s-ino TAHIRA Masako, du el la ĉefaj oraganizantoj de la kongreso, restis en la kunvenejo dum iom da tempo. Tamen tiu ĉi kunsido estas signifa, kvankam nur dek kelkaj kongresanoj sidis tie pro iuj kialoj, ekz. malfrue alvenis la kongresa libro (ĝis la 21-a de junio la kongresanoj ricevis ĝin), ĉar ĝi estas unuafojo por kontinenta kongreso, kaj starigas por aliaj kontinentoj modelon prizorgi kaj progresigi aplikadon de Esperanto en tiu tereno.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

**Urbestro ĉe SIA**



Semajno de Internacia Amikeco (SIA) celas pliviggligi kontaktojn inter esperantistoj de diversaj landoj kaj krei kaj plifortigi iliajn ligojn kun rondoj ekster la Esperanto-movado.

La Esperanto-grupo en Leuven, Belgio organizis SIA en februaro en 2004 en la loka Kultura Centro. En oficiala deklaro la urbestro de Leuven, s-ro Louis Marie Joseph TOBBACK, diris tiel: "La urbo Loveno plene konscias pri la lingva diverseco kaj pri la graveco kaj bezono de kompreno trans landlimoj. Tiu ĉi bezono forte sentiĝas hodiaŭ en la institucioj de Eŭropa Komunumo, sed ankaŭ ekster ĝi, je monda nivelo. Internacia amikeco trans la lingvaj kaj naciaj limoj estas necesa kondiĉo por ke homoj en la tuta mondo komprenu unu la aliajn kaj kunvivu pace. La urbo Loveno volonte malfermas siajn limojn por saluti siajn vizitantojn el aliaj landoj."

El n-ro 197 Gazetaraj Komunikoj de UEA

## REAGOJ AL LA PROJEKTO

1. Dianne LUKES el Aŭstralio: Karaj Geamikoj, Salutojn, surprizis min, kiam mi vidis kiom da Aŭstralianoj ricevis la mesaĝon de s-ro Wu Guojiang, pri ĝemelurbaj aferoj. Multaj urboj en Aŭstralio jam havas rilatojn kun multaj urboj tra la mondo. Ĉu vi jam esploris la urbojn, kiuj havas rilatojn kun via urbo? Sendube, se vi donos al S-ro Wu la nomojn kaj lokojn de la urboj, li povus informi vin, se ili havas Esperantajn klubojn. Mi opinias, ke tiu estas bona kaj frukTdona ago por la utiligo de Esperanto.
2. Jennifer BISHOP el Aŭstralio: Estimata s-ro Wu Guojiang, mi tre dankas pro la protokolo de Kunveno de ĝemelurboj ĉe UK en Bialistoko. Mi legis mian informon pri ĝemelurboj de Melburno. Mi intencas refoje kontakti la oficejon de la urbestro por informiĝi pri la agoj de tiu oficejo rilate interŝanĝojn. Espereble mi povos raporti interesaĵojn kaj krei kontakton kun esperantistoj en tiuj urboj. Esperome kaj dezirante al vi daŭran ĝojon pro ligoj al ĝemelurboj per Esperanto.
3. Julie REGAL el Aŭstralio: Kara Amiko, nia Esperanto grupo en Gosford reuniĝas la unuan sabaton de ĉiu monato, tiam mi montros al ili vian leteron kaj la bultenon Ĝemelaj Urboj. Nur ok personoj estas en nia grupo.
4. Marcel DELFORGE el Belgio: Dankon pro via laboro en ĝemelaj urboj.
5. Ursula GRATTAPAGLIA (honora membro de UEA) el Brazilo: Estimata samideano Wu Guojiang, estas plezuro legi vian interesan informilon, ne nur legante pri Berlino, ĉar mi estas berlinanino kaj konas Berlin-Lichtenberg kaj la homojn sur la foto, sed ankaŭ ĉar multon mi lernis pri la azia Esperanto-movado, ĉefe la belajn rilatojn inter Japanio, Ĉinio kaj Mongolio.

Bedaŭrinde brazilaj Esperanto-centroj ankoraŭ ne elkovris la ŝancojn de ĝemeliĝo, ĉar fakte nia kontinento Sudameriko estas tre izolita de la resto de la mondo, almenaŭ ni diru finance pro la altaj kostoj de flugoj al aliaj kontinentoj. Miajn gratulojn por via laŭdinda agado kiu vere stimulas pacon inter la popoloj.

7. Eni A. OLIVEIRA el Brazilo: Estimataj s-ro Wu Guojiang, mi treege dankas vin pro alia riĉenhava ekzemplero de la Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj gratulas vin por via granda laboro favore al la kaŭzo de ĝemelaj urboj.

8. Henrique ALAN el Brazilo: Estimata S-ro Wu Guojiang, bonorde atingis min la 30-a numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj, ĝentile sendita de vi, kun ĝentilaj poeziaj salutoj. Mi petas al vi, bonvolu daŭriu la sendadon de la informilo, kaj mi antaŭdankas. Sanon kaj Pacon.

9. Neider ATOBÁJ el Brazilo: Estimata s-ro Wu, riĉajn raportojn mi ricevis pri ĝemelaj urboj. Mi tre dankas al vi. Post la 39-a Brazila Kongreso de Esperanto, okazinta en nia urbo- Maceió, nia movado ne progresas sufiĉe por celi kadastron kaj procedojn pri ĝemeliĝo. Mi sendos al aliaj kunuloj viajn informojn.

10. Jorge TACHAUER SEBÖK el Ĉilio: Estimata s-ro Wu, mi ricevis la 29-an numeron de la Informilo de Ĝemelaj Urboj. Kiel kutime, la enhavo estas tre interesvekanta kaj bonkvalita. Gratulojn pro via senlaca kaj entuziasma laboro.

11. CHEN Ji el Ĉinio: Kara Wu, Dankon! Mi ricevis la retan bultenon de Ĝemelaj Urboj, kaj elektis du novaĵojn por la revuo "Informilo de ĈEL". Sendu al mi se vi havas novan informon.

12. ZHU Mingyi el Ĉinio: Kara amiko, koran dankon pro via afableco, mi ofte ricevas de vi materialojn diversajn. Se estos oportune al vi estonte, do sendu al mi plu, antaŭdankon! Bonfarton kaj ĉion bonan al vi kaj via tuta familio!

13. YU Jianchao el ĈRI en Ĉinio:Tre bela estas la Informilo de Ĝemelaj Urboj! Gratulon kaj dankon!

14. WANG Ju-kwei el Tajvano en Ĉinio: Kara S-ro Wu, Dankon por la gazeto, kiun vi rete donacis al mi. Mi deziras daŭri ricevi ĝin. Plue mi ankaŭ dankas vin por viaj antaŭaj pluraj leteroj de kuraĝigo pri miaj tradukoj de ĉina literaturo.

15. Pierre GROLLEMUND el Francio: Multegan dankon pro la informo pri la Ĝemelaj Urboj. Mi deziras al vi sukceson plenan.

16. Laurent VIGNAUD el Francio:Estimata, jam de kelkaj jaroj mi ricevas viajn Informilojn de Ĝemelaj Urboj, kiujn vi plej serioze kaj regule sendas. Do nun, mi nepre volas dankegi al vi pro ĉiuj tiuj viaj sendoj kaj mi gratulas al vi pro via granda laboro. Mi hontas, ke mi ne vivsignis al vi pli frue, tamen sciu, ke ĉiuj viaj Informiloj plu estos bonvenaj ĉe mi.

17. TRIOLLE Renée el Francio: Mi dankas pro la informplena bulteno pri agado en ĝemelaj urboj, bele ilustrita de fotoj. En mia urbeto La Ciotat en la suda Francio, mi ankoraŭ ne sukcesis interesi la oficialulojn kaj loĝantojn pri la bona helpilo, kia estas Esperanto por teni amikajn rilatojn inter loĝantoj el ĝemelaj urboj. Sed ni esperu.

18. Werner PFENNIG el Germanio: Saluton, kara Wu, kun ĝojo mi ricevis vian tre interesan informilon kaj gratulas al vi pro la eleganta, alloga formo.

19. Gábor MÁRKUS el Hungario: Kara Samideano, mi gratulas al vi pro via diligenta kaj fruktodona agado. Informilo de Ĝemelaj Urboj estas tre interesa kaj la eldonaĵo vere bone redaktita, eĉ la kvalito de la fotoj estas nekredeble alta. Mi legis la novaĵojn kun granda ĝojo.
20. Elda DOERFLER el Italio: Koregan dankon kaj gratulon pro la ĉiam pli belaj kaj interesaj vesto kaj enhavo de via informilo. Mi klopodas ĝin disvastigi inter miaj konatuloj.
21. Serio BOSCHIN el Italio: Estimata amiko Wu! Dankon kaj gratulon pro via tre interesa reta bulteno kiun kun plezuro mi tralegis, bondezirojn kaj sukceson en via agado por ĝemelaj urboj. Kun la plej sinceraj salutoj kaj refoja gratulo.
22. Ermigi RODARI el Italio: Alvenis la n-ro 29 de Informilo de Ĝemelaj Urboj, kiel kutime interesa kaj riĉa je informoj. Mi kore dankas.
23. Raymond BRISEBOIS el Kanado: Estimata S-ro Wu, dankon pro via mesaĝo kaj informilo de Ĝemelaj Urboj.Vian informilon mi ĉiam legas kun plezuro!
24. HONG Sungcho el Koreio: Dankon! Mi bone ricevis Informilon de Ĝemelaj Urboj, kiu estas tre belaspekte desegnita je ĉio. Vi estu ĉiam sana kaj feliĉa!
25. Martin Francisco CASTRO LOPEZ el Kubo: Estimata s-ro Wu, Esperantan saluton por vi, familianoj, kaj por la aliaj funkciuloj de la projekto Ĝemelaj Urboj. Dankon pro la sendo de Informilo de Ĝemelaj Urboj kiun mi plezure legis. Via bulteno estas leginda se eblas daŭrigi ĝin al mi.
26. Narendra Bhattarai el Napalo: Estimata Wu Guojiang, dankon pro la informilo. La projekto Ĝemelaj Urboj estas tre ŝatata temo por mi. Mi eblos labori ĉi-kampe nur labore el Nepalo. Dezirante ĉion plej bonan al vi, mi salutas kaj gratulas pro laboro via valora.
27. Ru kaj Katrin BOSSONG el Nederlando: Kara kaj estimata samideano, mi kaj mia edzino deziras al vi multajn sukcesojn en via laboro, favore al nia kara Lingvo.
28. STENDERA Krystyna el Pollando: Kara amiko - mi tre dankas pro sendita al mi Informilo de Ĝemelaj Urboj. Mi partoprenis UK en Bialistoko, des pli agrable mi rememoris ĝin legante vian retan revuon. Dezirante al vi multajn agrablaĵojn mi atendas sekvan numeron de Informilo, se vi estos ĝentilA sendi ĝin al mi.
29. Sergey PAĤOMOV el Rusio: Dankon al vi, mi nepre diskonigos Informon pri la Ĝemelaj Urboj al miaj konatoj.
30. GOMIS Antoine el Senegalio: Dankon por via mesaĝo. Mi nomiĝas Antoine kaj loĝas en Senegalio, lando situata en la okcidenta parto de Afriko.Mi estas tre kontenta por tio.

## URBAJ STILO KAJ TRAJTO

### Ĝemelaj urboj priparolita kaj planita en du ligoj

La 8-an de majo 2010 kunvenis en Aalen la du sudgermanaj landaj ligoj, la Bavara Esperanto-Ligo (BELO) kaj la Baden-Virtemberga Esperanto-Ligo (BAVELO). Komuna temo estis "Esperanto – Ŝancoj – Utilo". Kadre de tiu komuna printempa aranĝo okazis laborgrupoj, kies unu parolis pri "Esperanto konekse al ĝemelaj urboj", kaj havis jenan gvidplanon.

I. Ĝeneralaĵo

1. La interŝanĝo (skriba, buŝa aŭ persona) kun ne-germane-parolantaj partneroj estas por lokaj esperanto-grupoj sencohava pro la

- spertado de Esperanto kiel vivanta, vigla lingvo,
- instigo por la lingvolernantoj.
- senpera kaj reciproka ekkonado de la "fremda" mondo.

2. Partnerecaj kontaktoj estiĝis private inter diversnaciaj grupoj, ofte ankaŭ multdirektite.

Kutime ili ne estas finance subtenataj flanke de iuj publikaj instancoj, sed nun utiligante la interreton ili disponas pri pli simplaj kontakteblecoj.

3. Ek de la formiĝo de la "Konsilantaro de la Eŭropaj Komunumoj kaj Regionoj" en la jaro 1984 (germana sekcio prezidata de la Supera urbestro de Stuttgart, d-ro Wolfgang SCHUSTER) estiĝis ankaŭ peresperantaj kontaktoj kadre de t.n. urbaj ĝemeliĝoj; parte ĉilastajn jarojn eĉ iniciatis unuopaj grupoj per siaj translimaj interligoj.

4. La partoprenantaj Esperanto-grupoj/-kluboj sentas sin konformaj al la opinio de la Konsilantaro, ke "politikaj amikecoj inter ŝtatoj devas esti flegataj jam ĉe la bazo".

II. Spertoj

1. La kontaktoj inter diversnaciaj grupoj ne nepre dependas de la ekzisto de interurbaj ĝemelecoj.

2. Sed se tia ekzistas, la tiudirekta grupa aktivado laŭsperte trovas aplaŭdon, kelfoje eĉ subtenon.

3. Simile al la oficialaj interurbaj ĝemelecoj mem, kies vigleco dependas de la engaĝiĝo de la unuopa komunumo, la ebleco por la peresperantaj kontaktoj respektive de ties daŭrigado dependas de la ekzisto de kunagemaj grupanoj.

4. Malfacile estas komencigi Esperanto-kontaktojn kun ĝemelaj urboj, kiam tie esperante parolantaj partneroj ne ekzistas aŭ nur malfacile troveblas.

5. Ĉikoncerne eventuale helpos – sed estas ankaŭ subteninda – la iniciato de la Universala Esperanto-Asocio (UEA), kiu instalis tiucele centralon interrete atingeblan sub ghemelurboj@yahoo.com.cn.

III. Rezultato

1. En oficialaj deklaracioj pri interurbaj ĝemeliĝoj preskaŭ ne rolas la lingva demando respektive estas konsiderata nur tiam, kiam temas pri la instruado de lingvoj tradicie instruataj (en Germanio kutime la angla kaj la franca).

2. La antaŭkonferenca enketo inter la lokaj grupoj en Bavario montras, ke aŭ ankoraŭ malmultaj grupoj konscias pri la graveco de transnaciaj intergrupaj kontaktoj aŭ ne estas interesitaj pri la instalado de ĉitema informreto, eble pro tio, ĉar ili ja jam havas "siajn" eksterajn interrilatojn. Supozeble en Baden-Virtembergio la situacio similas al tiu en Bavario.

3. Aliflanke dum la kunsido estis raportate pri tre viglaj kaj ideoriĉaj partnerecaj interrilatoj aŭ kadre de urbaj ĝemelecoj aŭ pere de privataj kontaktoj.

4. Cele la formadon de sudgermana informreto pri peresperantaj (urbo-)partnerecaj kontaktoj montris sian intereson parte per detaligitaj raportoj, parte per persona ĉeesto dum la kunsido sep representantoj de lokaj grupoj el Bavario kaj tri el Baden-Virtembergio, nome el

Bavario: Augsburg – Erlangen – Forchheim – Kronach – München – Pfaffenhofen – Weiler-Simmerberg, Baden-Virtembergio: Aalen (du reprezetantoj) – Karlsruhe.

5. La kunordigon de la en Aalen decidita informreto transprenis provizore la reprezentanto de la laborgrupo Esperanto en la Popola Altlernejo de Kronach, Armin GRÖTZNER ae.groetzner@t-online.de.

Armin Grötzner

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Esperantistoj kadre de la 50-a jubileo de ĝemeliĝo



De la 6-a ĝis la 9-a de majo du Esperantistoj, nome gesinjoroj Hedwig kaj Rudolf FISCHER el Münster en Germanio gastis ĉe familio Pierre DIEUMEGARD en Orleans en Francujo. Ili ĉeestis ankaŭ kunvenon de Esperantistoj el la regiono Loiret.

Tiu vizito okazis kadre de la 50-a jubileo de ĝemeliĝo inter ambaŭ urboj. Granda delegacio de pli ol 40 Germanoj veturis buse de Münster al Orleans. Multaj homoj miris, kiam ili konstatis surloke, ke la francaj kaj germanaj Esperantistoj fluege parolis inter si. Pluraj petis pli da informoj pri Esperanto. Venontan jaron la novaj Francaj geamikoj respondos la viziton kaj venos al la 88-a Germana Esperanto-Kongreso en Münster okaze de la centjariĝo de la loka Esperanto-grupo tie.

Rudolf Fischer
prezidanto de Germana Esperanto-Asocio kaj
sekretario de la Esperanto-Societo Monastera

### Vojaĝo al Skotlando



Komence de junio Sabine kaj Pit HAUGE de la Nurenberga Esperanto-Grupo vojaĝis al Skotlando pro la 105-a Skota Esperanto-Kongreso, en kiu ili partoprenis laŭ invito de la Glasgova Esperanto-Societo.

La kongreso, kiun ĉeestis ankaŭ gastoj el Anglio, Irlando kaj Belgio, ĉi-foje okazis kelkajn kilometrojn ekster Skotlando en historie tre interesa Berwick-upon-Tweed. Ekskursoj iris al la sankta insulo Lindisfarne kaj al Dunbar, kie ni vizitis bierfarejon.

Post la kongreso ni pasigis kelkajn tagojn ĉe niaj amikoj David KELSO en Kilncadzow kaj ĉe Jack kaj Mia CASEY en nia ĝemelurbo Glasgovo. Estis nia unua vizito al Skotlando kaj ni havis nur malmultajn tagojn, tamen ni vidis multon: Edinburgon kaj Loch Lomond, (New) Lanark kaj kompreneble Glasgovon. Tie ni malbonŝancis pri la vetero: pluvego fuŝis la rondveturadon per buso, por kiu ni ricevis senpagajn biletojn en la urbdomo – sed vere jam la unika urbdomo mem meritis viziton!

Ni havis okazon ĉeesti la jarĉefkunvenon de la Glasgova Esperanto-Societo kaj jam inviti la grupanojn al nia 125-a jubilea festo, kiu okazos en la jaro 2013 kadre de la 90-a Germana Esperanto-Kongreso en Nurenbergo.

Post du semajnoj, la 14an de julio ni atendas viziton el Glasgovo de Tom NEIL, kiu vojaĝos en Germanio kaj volonte akceptis nian inviton.

Sabine Hauge

**Agado akceli interurban ĝemeliĝon**

Inter la 4-a kaj la 7-a de junio 2010 la itala urbeto Bagolino (Lombardio) ĝemeliĝis kun la franca urbeto Mozac (Aŭvernjo). La Breŝa Esperanto-Grupo (BEG) en Italio kaj la Esperanto-Grupo de Clermont-Ferrand en Francio proponis al la respondeculoj de la du Komunumoj kaj de ties ĝemeliĝaj komitatoj okazigon de Esperanto-kursoj por pli facile faligi la lingvajn barojn inter la civitanoj de la du urbetoj, kaj do plie efektivigi la ĝemeliĝon.

Dum la ĝemeliĝa ceremonio de la du urbetoj ankaŭ okazis la 10-jara datrevena festo de la ĝemeliĝo de Bagolino kun la germana Oettingen (Bavario). Reprezentantoj (inkluzive la urbestron) el Oettingen partoprenis la ceremonion. Tamen BEG plue proponas, ke la E-grupo plej proksima (aŭ elektita laŭ konvenaj kriterioj) al Oettingen okazigu en tiu urbeto E-kurson, reklamita kiel kunordigita agado rilata al la triurbeta ĝemeliĝo, kvankam Mozac kaj Oettingen ne estas ĝemelaj urboj, ĉar tio povus naskiĝigi ĝemelajn E-kursojn. Samtempe BEG proponas, ke oni kontaktu la interesotajn lokajn grupojn por efektivigi tiun agadon kaj bonvenigas sugestojn alte taksotajn.

Luigi FRACCAROLI
Breŝa Esperanto-Grupo

esperanto.brescia@esperanto.it

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj
Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de